# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO
http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/
auto 15/12/2012 Okdeknaŭa Eldono 2012 14/12/2012 SENDITA

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

**Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado**
**Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

# NOVAĴOJ

## ALKLAKU la hiperligilojn






AŭSKULTU, LEGU **ESPERANTAN RETRADION** TAGE Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton
http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## 3ZZZ

En Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a ptm je 92.3 FM



De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je 3zzz.com.au aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au. Aŭdeblas la voĉo de Alan Bishop, Karl Egger, Laszlo Farkas, Franciska Toubale kaj de multaj intervjuitoj
Kontaktu 3zzzesperanto@gmail.com

# *Fabeloj Ilustritaj*

Ali Baba kaj kvardek Rabistoj



http://www.kunlaboro.pro.br/esperanto/fabeloj/



Kara Roger,
Eĉ via kato havas rolon en mia plej nova filmeto.
http://www.youtube.com/watch?v=K1GfaBcsack
Rakonto kun bestoj. Leono vundis sian fingron. Kiu helpos lin? Kiu fariĝos lia plej bona amiko? Ĉu la alta ĝirafo, ĉu la eleganta kanguruo?
Amike, Nicole

marguer1te komentis Bona ideo por montri bestojn. Gratulojn.

## Sydney Language Festival 2013

Karaj,
La NSK federacio havas agadplanojn por venonta jaro. Ni organizos lingvan festivalon en majo en la Internacia domo de la universitato de Sidnejo. Kaj mi jam komencis krei la retejon por tiu evento, vidu
http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/
Amike, Nicole






**Eŭnice Graham**

**94 jara Decembro 2012**

**Gratulon de ni ĉiuj**

Bonvenon al Esperanto Domo Zamenhof Tago

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu estas bona kont-libro?

# AEA Informas

## AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (6/12/2012) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret kaj Sandor. Ankaŭ Svetislav Kanacki el Melburno partoprenis.

## *Melburna Kongreso*

Ni diskutis la Melburnan Kongreson en januaro (17/1 - 21/1/2013).
Ĝis nun 33 homoj aliĝis.
La programo nur malrapide evoluis.
Se vi volas/povas/ŝatas kontribui, ne hezitu kaj kontaktu nin.
Ni decidis ke post la kongreso ni ĉiuj klopodos resti dum 1 aŭ du tagoj.

## ** Arkivoj.*

Heather vizitis Fort Knox kaj ŝi konstatis ke ni havas multe pli da aĵoj ol mi pensis.







Ni vere bezonas helpon. Se vi ŝatus trarigardi la arkivojn kaj komenci klasi la dokumentojn, vi povas.... Kontaktu nin.

## ** Mono*

Finfine Indrani sukcesis ekhavi retan aliron al nia konto. Do, ni nun povas finfine pagi niajn fakturojn

## * *Du novaj estraranoj.

Gordon ekde la komenco kaj Max ekde du monatoj ne partoprenis nian kunvenojn. Do, ni serĉas novajn estraranojn.
Interesa laboro. Interesaj kolegoj. Interesa lingvo.
Pensu pri ĝi kaj alparolu/sciigu nin

Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor

# LETEROJ mallongaj de la legantoj



Malpli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

## Wolo Gueltling

Iom pri mia travivaĵo



En 1984 AEA kongresis en Canberra kiam moŝto Ralph Harry estis prezidanto de AEA. Samtempe kun nia kongreso estis ia kunveno de studentoj. Ni renkontis ilin dum la manĝotempoj. Ni staris en miksita linio kun la studentoj por ricevi niajn manĝojn. Unu de la studentoj diris, ke Esperanto estas tute superflua, ni ne bezonas ĝin. Mi demandis lin kial, li respondis ke ni simple metos la tekston en komputilon kaj la komputilo tradukos ĝin. Mi respondis, ke tio ne estas tiom simpla, sed li diris, ke ni konstruos pli grandajn komputilojn. Ne gravis kion mi diris, lia respondo ĉiam estis : Ni konstruos pli grandajn komputilojn. Fine mi diris : Jes kaj mi ŝatus vidi vin porti tiun grandan komputilon al vendejo por aĉeti pundon da butero. Lia buŝo ne plu malfermiĝis. Volo

Skribu al ni



# LETEROJ IOM LONGAJ



Pli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

## malgranda historio sendis Bob Felby

Estis foje perfekta viro kaj perfekta virino. Ili renkontiĝis, enamiĝis kaj geedziĝis. Memkompreneble ilia edzeco estis perfekta.

Vespere dum la tago antaŭ la kristnaska vespero la perfekta paro veturis en sia perfekta aŭto laŭ neĝkovrita vojeto. Ili vidis, ke estis okazinta akcidento kaj memkompreneble haltis por helpi.
Estis la Kristnaskviro/Avo Frosto/ Sankta Nikolao (Ni en ĉi tiu listo respektas la kulturajn

diferencojn de la membroj. Do elektu mem. :-) ), kies renversita sledo kuŝis apud la vojo. Ĉiuj donac-pakaĵoj kuŝis en la neĝo. La perfekta paro ne deziris, ke miloj da infanoj restu sen donacoj, do ili prenis la bonan dikulon kaj ĉiujn pakaĵojn en sian perfektan aŭton, por ke la donacoj atingu la infanojn ĝustatempe.
Sed daŭris la malbonega vetero. Tiel okazis, ke eĉ la perfekta paro akcidentiĝis. Nur unu el la tri transvivis.
KIU? (Trovu la solvon pli sube....)

(pli sube)

(**pli sube**)

(**<u>Ankoraŭ pli sube</u>**!)

La perfekta virino transvivis.

Memkomreneble estis ŝi, ĉar ŝi ja estas la sola, kiu vere ekzistas. Ĉiuj scias, ke nek la kristnaskviro nek la perfekta viro ekzistas.

Kaj nun la virinoj ne rajtas legi plu. La historio finiĝis.
Viroj rajtas plulegi.....

(Ankoraŭ iom..kaj kiel dirite, ***<u>nur la viroj</u>***!)

Se nek la kristnaskviro nek la perfekta edzo ekzistas, evidente la virino ŝoforis. – Tio klarigas la akcidenton.
Kaj se vi estas virino kaj legis tiun ĉi lastan alineon, vi per tio pravigas alian veron: Virinoj neniam obeas al tio, kion oni al ili diras. :-)

Feliĉan kristnaskon (Se vi festas tion.) kaj bonan novan jaron (Se vi sekvas la Gregorian kalendaron.) deziras al vi
Peter Weide

Skribu al ni  

# Skribu al AE

AE havas 200 ricevantojn.



# KLUBNOVAĴO

Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj







## Central Coast Esperanto Club

kunvenis Sab 2ptm 8a dec 2012 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

## La Brisbana Esperanto-Societo

Je la 15a de decembra, ni iros al Toowoomba por celebri la Zamenhofan Feston kun Esperantistoj tie. Ni nun havas Facebook paĝon kaj ankaŭ, ni estas ĉe www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Dankon al Crystal ke ŝi arangxis tiujn. Kay Anderson



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul

## ADELAJDA ESPEREJO

VIZITONTA ESPERANTO–ORFO

Jam intencas ĉeesti la Adelajdan Esperejon almenaŭ kvin esperantistoj je la unua horo ptm merkredon, decembron 19, por konatiĝi kun vizitanta "E-orfo", Ian McArthur, el Tasmanio. Ni esperas, ke Ian povos ĉeesti ankaŭ la ĉiusemajnan renkontiĝon de sud-aŭstraliaj esperantistoj en State Library, North Tce, ADELAIDE (North Tce), je la 10.30a atm ĵaŭdon, decembron 20, kiam Trevor Steele gvidos legadon de *Vizaĝoj, novelaro 2000-2004*.



Max Wearing <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3375



## La Melburna Esperanto Klubo

Kiel kutime, la Melburna Esperanto Klubo renkontiĝis ĉe Ross House je 6.30 ptm lunde. Heather



Esperanto Kafo Klubo de Kanbero kunsidas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



**La Manlia Esperanto-Klubo** Ĉiuj bonvenaj.
Unu taso da senpaga kafo Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;
Ni ne kunvenos la 15an de decembro. (Zamenhof Tago estos la 16an ĉe Esperanto Domo) Manlio kunvenos la 5an de Januaro



## Esperanto-Domo Sidnejo

BBQ lastaj dimanĉoj de la monato (krom decembro) Ĉiuj bonvenaj

Zamenhof-Tago la 16an de decembro 12a horo meztage. Ĉiuj bonvenaj

## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiu ĉeestis? . rspring@tpg.com.au



# Kia estis via Zamenhofa tago?

Kiom aŭ kiuj venis? Informu la Esperantan familion
Ĉu vi fotis bone? Sendu la plej bonan al ni.

## Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio.

## Helpu nian familon koni unu la alian. Skribu

**Vortoj de "Lernu"**

TRETI
1. Forte premi per la piedoj:
Ŝi tretis vinberojn en tinego.
Li surtretis la piedon de la knabino.
Zorgu, ke neniu tretu sur vin.
2. Akvotreti - vigle movi la piedojn en la akvo, kvazaŭ tretante, por flosi:
la infano sidis ĉe akvo kaj faris akvotretadon.